

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XXI - Nº 258 JULIO-AGOSTO 1983

Somero, tempo por ripozo kaj ferio.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

DIRECCION Y ADMINISTRACION

Apartado 119 - VALLADOLID

REDACTOR JEFE

Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40
Tfno: (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION

Giordano Moya
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Pedro Nuez
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz

# ENHAVO



Depósito Legal VA 616.—1978
Gráf Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Apartado 119
VALLADOLID

**Prezidantino**

María Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12, 2º C
Tfno. (983) 260086
VALLADOLID-11

**Sekretario**

Luis Hernández García
Adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde, 8, 8º A
VALLADOLID-14

Pagojn sendu al nia Konto
Nº 001 664 0
Caja de Ahorros Popular
Ag Urbana 6
Avda Vicente Mortes
VALLADOLID

**Libroservanto de H. E. F.**

José González Suárez
Apartado 119
VALLADOLID

**Pagoj por libro-servo sendu al unu el la jenaj kontoj**

**Cuenta Postal 3 118 078**

**Caja de Ahorros Popular**
**Oficina Central**
**Cta Nº 042 268 4 a nombre de**
LIBRO SERVO DE LA FEDERACION
ESPAÑOLA DE ESPERANTO
VALLADOLID

ELDONA FAKO
Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35, 4º
ZARAGOZA-1

ĈEFDELEGITO DE U. E. A.
Juan Azcuénaga Vierna
Gral. Dávila, 127, portal 7, 2º Iz.
Tfno: (942) 339487
C. Postal: 03548531
SANTANDER

H. E. J. S.

Atocha, 98, 4º
Tfno: (91) 2308798
MADRID-12

# ANTAŬ LA JARCENTO DE ESPERANTO

La Internacia Lingvo kreita de la pola okulkuracisto D-ro. L. L. Zamenhof fariĝos centjara post kvar jaroj, kaj tiu evento devas esti inde festata.

Jam en ĉiu nivelo de la E-movado, tiel loka, kiel nacia eĉ internacia, oni devas ekagadi por plej bone profiti la eblecon kiun tiu ĉi okazintaĵo prezentas antaŭ ni.

La Universala Esperanto Asocio (U.E.A.) kiu estas la internacia organizaĵo en la E-movado kun plej regulaj kontaktoj kun internaciaj Organizoj devas profiti tiajn cirkonstancojn por ke, konsiderante la eblajn homajn fortojn kaj la financajn rimedojn, intensiĝu la kontaktoj kun ili kaj klopodu atingi de tiuj Organizoj ne nur komprenon por la internacia lingva problemo, en kiu U.E.A. kaj ĝenerale la E-movado devas ludi gravan rolon kiel taŭga solvo sen lingva imperiismo, sed, samtempe, atingi de tiuj Organizoj la kompromison eldoni en esperanto, bazajn dokumentojn de ĝenerala intereso kiujn oni povus disdoni pere de la normalaj distriburetoj uzataj de la E-Organizaĵoj.

Kompreneble, la agado devas kaj povas esti varia kaj multflanka, kaj tiusence la U.E.A. eldonis broŝuron titolitan «KIU FARU KION» verkitan de D-ro Renato Corsetti kaj Anna Brennan enhavanta utilajn konsilojn por ke la agado en ĉiu instanco (ekde la individua esperantisto ĝis U.E.A. mem) atingu la plej bonajn kaj sukcesajn fruktojn.

Hispana Esperanto-Federacio (H.E.F.) konscianta pri la graveco kiun ni devas doni al la centjariĝo de Esperanto, alvokas ĉiun esperantiston kaj ĉiujn E-organizojn, sendepende ĉu ili estas aliĝintaj aŭ ne al H.E.F. por komuna agadprogramo cele al plej bona sukceso.

Kiam ĉi tiu artikoleto aperos en la paĝoj de BOLETIN, en la urbo Zaragoza kaj kadre de la ĉijara Hispana Esperanto-Kongreso estos okazonta Seminario pri tiu ĉi temo en kiu oni traktis tre interesan agadplanon.

Kompreneble por ke la plano ne estu nur utopio, oni bezonas ke ĉiu konsciu pri ĝia graveco kaj ke ĉiu, laŭ iliaj personaj eblecoj, klopodu ke ĝi estu realigota.

Ni devas profiti ĉiujn amasmediojn (ĵurnalojn, revuojn, gazetojn, radiostaciojn, kaj eĉ la T.V.-on) por intensigi kaj ampleksigi la informadon pri Esperanto kaj pri la lingva problemo. En tiu kampo estus konvena starigi regulajn kontaktojn laŭ taŭga maniero inter tiuj kiuj laboras en tiu sfero.

La eldono de libreto en la kastila lingvo kaj eventuale en aliaj lingvoj devas esti tasko realigota de H.E.F. kunlabore kun aliaj E-organizaĵoj. Tiu libro kiu devus enhavi i.a. bazajn informojn pri Esperanto, koncizan resumon pri la E-Movado en Hispanio, eblecojn kiujn oni havas post la studo de la lingvo, informojn pri la diversaj Fakaj Asocioj ekzistantaj en nia Movado k.t.p., oni devus vendi aŭ disdoni senpage, sed por tiu lasta celo oni devas atingi la necesajn financrimedojn kiuj devas esti trovitaj ekster la normalaj enspezoj de H.E.F.

Tiucele, oni devas fari la necesajn demarŝojn por atingi subvenciojn de iu kultura instanco, kaj por tio estas konvena la sindona helpo de tiuj samideanoj kiuj, pro ilia posteno, aŭ pro alia persona cirkonstanco havos eblecon kontaktigi tiujn kulturajn instituciojn.

Certe la Seminario pri la Centjariĝo de Esperanto, alportos al ni tre utilajn kaj taŭgajn ideojn, sed nun jam ni alvokas ĉiun konscian esperantiston por ke li kunhelpu en la gravega tasko kiu estas antaŭ ni.

**L. HERNANDEZ**

# 11-a Renkontiĝo de la Valencia Esperantistaro

Dimanĉon, la 17-an de aprilo en bela sunplena tago, la valenciaj gesamideanoj kolektiĝis por festi sian jaran kunvenon en **Elda** (Alicante), sidejo de la famaj ŝuo-foiroj. La kunvenejo estis en «La Ciudad Deportiva del Centro Excursionista Eldense», bela pitoreska loko situanta en la periferio de la urbo.

La kunveno komenciĝis per enkonduko de s-ro F. Zaragoza kiel organizanto de ĉi tiu evento, kaj per majstra maniero li klarigis al la ĉeestantoj la motivon de la renkontiĝo.

Poste, parolis la urbestro, kiu per simplaj kaj simpatiaj vortoj bonvenigis la kunvenantojn kaj esprimis esperplenajn pensojn por Esperanto.

Tuj poste, salutis la prezidanto de la Loka Gupo, kiu deklaris sin nova en la Movado, tamen, per siaj tre fervoraj vortoj bonvenigantaj la ĉeestantaron, li pruvis havi, miaopinie, bonajn kvalitojn por lerni kaj semi.

Laŭvice, reprezentantoj de ĉiuj regionaj urboj, salutis nome de siaj E-Grupoj.

Certagrade, ĉi tiu kunveno havis internacian karakteron, ĉar ankaŭ intervenis, per salutoj, s-anoj el Portugalio kaj Usono. Ĉi tiu lasta, s-ro Dennis, tre konata en kelkaj hispanaj Esperanto-medioj, amuzis la ĉeestantojn, rakontante anekdoton el sia «propa rikolto»; profesie li instruas anglan lingvon kaj amatore Esperanton. Rakontante siajn spertojn li diris ke... «lernintoj de Esperanto, kiuj enkapigis al si la kvar unuajn lecionojn troviĝas en la sama nivelo kiel tiuj aliaj de la angla, kiuj elstudis la duan lernjaron.» S-ro Moya, vicprezidanto de H.E.J.S., tradukis en la kastilan por la ne esperantista publiko, la amuzan raporton de s-ro Dennis.

Post tio, orkestro de la citita sporta societo, konsistante el dudeko de 12 ĝis 15-jaraj knabinoj, per kord-instrumentoj kaj akordionoj regalis nin per jenaj belaj muzikpecoj: «Granada», «Los Llorones», «La Leyenda del Beso», «La Parranda», «Danubio Azul», k.a.

Dum aliaj ankoraŭ pli junaj muzikantoj plu amuzis la ĉeestantojn per «Pop aŭ Rok-muziko», respondeculoj de la E-grupoj kunvenis en apuda ĉambro, kie meze de amika etoso decidis; ke la venontjara Renkontiĝo okazu en **Aldaya**; rajtigi s-anon de la Valencia Grupo, fari demarŝojn por konigi al Valencia Aŭtonoma Konsilio, la bezonojn de nia Movado kaj eventuale ricevi de ĝi helpon kaj atenton.

Fina programero estis la abunda kaj bongusta bankedo, kiun ĝuis la renkontiĝantoj.

Per ekstaro kaj kanto de la Espero, finiĝis la 11-a Valencia Renkontiĝo.

**M. López Serna**

# LA UNUAJ HISPANOJ EN HUNGARIO (daŭrigo)

**Bernard Golden**



Imperiestro Trajano (98-117).

## HISPANDEVENAJ ROMIAJ IMPERIESTROJ

Romiaj imperiestroj, kies antaŭuloj setlis en Hispanio, estas Trajano kaj Hadriano. Iliaj familioj ne nur loĝis en la sama parto de la Ibera duoninsulo, sed ili estis ankaŭ parencoj. Ambaŭ viroj ludis gravan rolon en la disvolvo de Panonio.

M. Ulpius Trajanus —Trajano— naskiĝis en 53 p.K. en **Italica**, urbo ĉe la bordo de la Rivero **Baetis** (= Gŭadalkiviro) en la sudhispana distrikto Betiko. Li komencis sian armean karieron en Hispanio, atingante la rangon de legia komandanto tie. Kiel imperiestro inter 98-117 li adoptis politikon de ekspansio, kaj lia plej sukcesa militkampanjo estis kontraŭ la dacoj en la jaroj 100-102 kaj 105-106. Por efektivigi tiun venkon, li utiligis la resursojn* de Panonio, la provinco plej proksima al la teritorio de la dacoj. Post la fino de tiu milito, li faris administrajn reformojn en Panonio, dividante la provincon en du partojn. Okcidente estis Supra Panonio kun **Carnuntum** kiel ĉefurbo; oriente troviĝis Basa Panonio, kies ĉefurbo estis **Aquincum**. Sub Trajano la danuba limeso ricevis sian finan strukturon, kaj okazis profunda romiigo de la du panoniaj provincoj rezulte de malavara dono de romia civitaneco al indiĝenoj. La civitaneco estis akirebla tuj okaze de soldatiĝo anstataŭ post 25 jaroj da servo en la armeo. En la 2-a jc. multaj homoj en Panonio povis adopti la imperiestran gentan nomon Ulpius, kaj ankaŭ setlejoj fonditaj dum la regado de Trajano portis tiun nomon, ekzemple **Colonia Ulpia Traiana Poetovio.**

La imperiestro, kiu sekvis Trajanon, estis P. Aelius Hadrianus —Hadriano—. Li naskiĝis en 76 p.K. en Romo, sed ĉar en la antikva Romio oni rigardis kiel patrion la loĝlokon de la familio, ankaŭ Hadriano estis hispano. Lia familio, same



**Imperiestro Hadriano (117-138).**

kiel tiu de Trajano, loĝis en **Italica,** kaj onidire, Hadriano ĝis sia 25-a jaro parolis latine kun fremda betika prononcmaniero. Hadriano estis kuzo de Trajano. Lia avo, Aelius Hadrianus Marinellus, edziĝis al Ulpia, fratino de Marcus Ulpius Trajanus, la patro de Trajano. Cetere, en 100 p.K. Hadriano edziĝis al pranevino de Trajano, Vibia Sabina. La patro de Hadriano mortis en 85, kaj Trajano fariĝis kuratoro de sia 15-jara kuzo, kiu edukiĝis en Romo. En 90 li iris al **Italica** por lerni la militarton, kaj tri jarojn poste en 93, la seninfana Trajano venigis lin al la ĉefurbo de la imperio por prepari lin por avancado. La 19-jara Hadriano ricevis sian unuan armean postenon kiel tribuno de la **Legio II Adjutrix,** kiun Domiciano sendis en Panonion ĉe Aquincum. En la sekvaj jaroj Hadriano oficis en aliaj legioj kiel armea oficiro kaj tiel konatiĝis kun preskaŭ la tuta norda frontiero de la imperio, tri romiaj provincoj limantaj ĝin, kaj du grandaj riveroj, Rejno kaj Danubo. En 98 Trajano fariĝis imperiestro. Tio estas bona ŝanco por la 22-jara «hispana knabo», kiu en 106 estis nomumita legato* kaj pretoro samtempe (ordinare oni devis esti unue pretoro por fariĝi legato).

Trajano sendis Hadrianon al la danuba regiono kiel la unuan provincestron de Basa Panonio. Li restis en Panonio de la mezo de 106 ĝis la unua kvarono de 108, venkante la barbarajn sarmatojn sur ilia propra teritorio, reorganizante la civilan kaj militistan administradon, kaj konservante la armean disciplinon. Ankaŭ tiutempe Trajano faris definitivan postenigon de legioj en Panonio, po unu en **Vindobona, Carnuntum, Brigetio** kaj **Aquincum.** Post sia funkcio kiel provincestro de Panonio, Hadriano reiris al Romo en 108, kaj Trajano faris lin konsulo kun kolego nomata Marcus Trebatius Priscus. Hadriano estis nur 32-jara tiam, sed jam atingis rapidan promocion. Kvankam ne estas dokumenta pruvo, povas esti, ke Trajano adoptis Hadrianon kiel sian filon en 116, nur unu jaron antaŭ sia morto. Tiel Hadriano facile transprenis la regadon de la imperio la sekvan jaron. Li estis imperiestro de 117-138 kaj same kiel antaŭe, li havis okazojn okupiĝi pri administraj kaj militistaj aferoj en Panonio.

La limeso havis sian plej grandan disvolvon sub Trajano, sed la sistemo ne estis finita dum lia regado. La kvar legiaj kastrumoj, kiuj Trajano starigis, estis faritaj el ligno; Hadriano transformis ilin en ŝtonajn soldatejojn kaj cetere aldonis 33 terajn kastrumojn por helptrupoj, kaj ankaŭ ĉenon de gvatturoj. Lia plano estis ĝenerale fortigi la defendan situacion en Panonio ĉefe ĉe la norda laŭdanuba limeso por protekti la provincon kontraŭ la kŭadoj, kaj li postenigis garnizonojn ankaŭ laŭ la Sukcena Vojo. Hadriano sekvis la romiigan politikon de sia antaŭulo kaj donis civitanecon al pluraj indiĝenaj popoloj. Li entreprenis grandskalan urbanizadon, donante la sta-

tuson de municipo al pluraj setlejoj, kiuj pro tio alprenis lian gentan nomon Aelius. Tiel la titolo **Colonia Aelia Septimia Aquincum** signifas, ke ĝi estis fondita de P. Aelius Hadrianus, probable kiel municipo; poste la imperiestro Septimio Severo ŝanĝis tiun statuson je kolonio. En 118 Hadriano venkis la invadantajn jazigojn, kiuj provis trarompi la orientan limeson, kaj li definitive decidis pri la nombro de soldatoj kaj ilia distribuo en Panonio, konservante la kvar legiojn postenigitajn de Trajano. La vizito de Hadriano en Panonio en 124 okazigis vastan konstruadon en **Sirmium, Savaria, Vindobona** kaj **Gorsium** (= Hungario). La imperiestro prenis tiun okazon ĉasi apron, ĉar, estante junulo, li tre ŝatis tiun sporton.



**Pavimita strato en *Aquincum*, la ĉefurbo de Basa Panonio.**

## ALIAJ HISPANAJ PROVINCESTROJ DE PANONIO

Hadriano ne estis la sola panonia provincestro de hispana deveno. Antaŭ ol li atingis tiun rangon, lia bofrato el **Italica**, L. Iulius Ursus Servianus, fariĝis legato de Panonio inter 98/99-100. T. Iulius Maximus Manlianus, kiu en 88/89 funkciis kiel kvestoro en Betiko, kaj de 100-103 kiel juĝisto en la provinco Tarakono, sekvis Hadrianon kiel provincestro de Basa Panonio en 108-111. Ankoraŭ tri hispanaj legatoj aktivis en la 3-a jc. en Basa Panonio: C. Iulius Septimius Castinus, L. Alfenus Avitianus kaj P. Alfius Avitus Numerius Maternus, ĉi-lasta el **Tarraco** (= Taragono). Hispandevenaj provincestroj de Supra Panonio, ĉiuj en la 2-a jc., estis P. Alfius Maximus el **Tarraco,** L. Mincius Natalis el **Barcino** (= Barcelono) kaj eble L. Fabius Cilo.

Menciinda estas la vizito de hispana funkciulo al Panonio, registrita sur ŝtonmonumento en Taragono. Gaius Cornelius Valens el Pompaelo (= Pamplona) en **Hispania Citerior,** la pli proksima Hispanio, proprakoste iris kiel sendito de la provinca registaro por alporti popolnombradajn donitaĵojn al Mark-Aŭrelio. Tiutempe la romia imperiestro estis en **Sirmium,** do la vojaĝo de G. Cornelius Valens okazis inter 173 kaj 175.

## CIVILULOJ

Estas troveblaj en Panonio spuroj ankaŭ de hispanaj civiluloj. En **Aquincum** tomboŝtono de la 1-a jc. portas la nomon de Valerius Crescens Britta, filo de Decoratus. Britta, same kiel la formo Britto en la nomo de la veterano de la **Ala II Aravacorum,** estas hispana, do Valerius Crescens eble estis posteulo de hispana helpsoldato. En **Siscia** loĝis Licinius Sura Hispanus kune kun aliaj fremduloj el la okcidento, kaj en **Carnutum** surskribo registras la no-

mon de ankoraŭ unu hispano, **M.** Acilius Viriatus. Tiuj viroj plej verŝajne estis komercistoj havantaj ŝlosilajn oficojn en la provinco. Ili sekvis la vojon de la okcidenta komerco al **Narbo** en la suda Gaulujo, tra Norditalio al la komerca centro **Aquilea,** kaj de tie en Panonion.

Ankoraŭ kelkaj nomoj rigardataj kiel hispanaj estas Buio, filo de Broccus el **Emona**. La voknomo Buio estis uzata nur en la ĉirkaŭaĵo de **Emona**, sed Broccus estas kelta nomo tre ofta en Hispanio kaj Norditalio. El Sankt Georgen, Aŭstrio, venas tomboŝtona surskribo kun la nomo M. Atilius Amoenus Ankaŭ Amoenus estis tre ofta nomo en Hispanio. Troviĝas kelkaj ekzemploj de la nomo (H)ispanus kaj la ina formo (H)ispana. En **Sirmium** tomboŝtono memorigas veteranon de la romia floto en **Misenum**, L. Valerius Ispanus, filon de Dazantis, kiu mortis 55-jara post 37 jaroj en la armeo. Verŝajne la 30-jara Clodia Ispana, registrita sur tomboŝtono el **Carnuntum,** estis filino de soldato, ĉar ŝi heredis la nomon de sia patrino, Clodia Quarta. En **Brigetio** Hispana starigis tombomonumenton en la unua duono de la 2-a jc. por sia frato Q. Antonius Firmus, kaj en Dalj, kie estis trovitaj surskriboj kun nomoj de tri hispanoj, Ti. Iulius Rufus, Calaetus kaj Ambatus, la edzino de la lasta nomiĝis Hispana. Ankaŭ uzata estis Hispanilla, la diminutiva formo de la nomo Hispana. Unu estis filino de Ti. Claudius Valerius, filo de Brittus, kiu servis en la **Ala II Aravacorum**. Alia estis Iulia Hispanilla, registrita sur tomboŝtono de la 2-a jc. en **Carnuntum**. Ŝi estis la edzino de G. Victorius Urso, veterano de la **Legio I Adiutrix**.

## KIALO DE LA ĈEESTO DE HISPANAJ TRUPUNUOJ EN PANONIO

La multaj hispanaj trupnomoj registritaj epigrafe verŝajne spegulas la staton de ribelemo ĉe la indiĝenoj de la provinco. Nur al fremdaj soldatoj de alia provinco povis esti donita la tasko kontraŭbatali tiun minacon interne de la imperio. Sed iom post iom en la 2-a jc. hispanoj en la helptrupoj malaperis kaj estis anstataŭigitaj per indiĝenoj. Parto el la hispanaj taĉmentoj mortis en bataloj, alia parto, plenuminte sian 25-jaran servotempon, eks-soldatiĝis kun romia civitaneco kaj ricevis terpecon por kultivi kaj eble ankaŭ iom da mono de la imperia registaro. Tiuj veteranoj fariĝis bonstataj en la ekonomia vivo de la fremda provinco kaj ankaŭ povis atingi altrangajn sociajn poziciojn. Tio klarigas, kial eks-soldatoj, povante formi familiojn kun indiĝenaj edzinoj, malofte reiris al sia patrolando.

---

## GLOSOJ

**Legato:** En la romia imperio, sendito, plej ofte kun la rango de senatano, nomumita de la romia senato kiel subgeneralo; en la tempo de Aŭgusto, li estis ĉefgeneralo de legio, aŭ provicestro.

**Resurso:** Natura fonto de riĉeco organika aŭ neorganika; natur-riĉaĵo.

---




Giĉeto dum la U.K. en Antverpeno. (Foto Fighiera.)

# KLUBOJ KAJ ASOCIOJ EN RIĈAJ LANDOJ ĜEMELIĜU!

La agado de UEA en Afriko jam atingis ŝtupon, ke en landoj kiel Ebura Bordo, Benino, Zairujo, Kameruno, Zambio, Ruando, Kenjo, la kreo de Landa Asocio ne plu estas revo. En iuj la Landa Asocio jam estas kreita, en aliaj ĝi estas konceptata.

En aliaj landoj: Alĝerio, Maroko, Tunizio, Togo, Gano, Kongo, Tanzanio kaj aliaj, individuaj esperantolernantoj multiĝas, sed ne jam kondensiĝas al kluboj aŭ asocio.

En ambaŭ situacioj, grava subteno povas veni el la transmaraj esperanto kluboj kaj asocioj. En Eŭropo, Ameriko. Japanujo, kaj aliaj mondopartoj kie Esperanto jam pli solide radikiĝis, la kluboj kaj asocioj povas proponi sin al UEA kiel kandidato por ĝemeliĝo al afrika grupo. Ili povas kompreneble esprimi preferon por iu alia lando aŭ regiono de Afriko. Kion tio signifos poste?

Unuavice: oni eniros personajn, amikajn rilatojn. Per leteroj, sonbendoj, donacetoj, fotoj, oni ligos la afrikajn amikojn al la tutmonda Esperanto-rondo, kaj al ĝia kulturo. Oni povas sendi iom da mono por ke la poŝtmarkoj almenaŭ estu aĉeteblaj. Oni povas helpi en la perfektiĝo en la lingvo: en la kluboj certe iuj kapablos koresponde instrui je diversaj niveloj. Oni povas proponi helpon en la presigo de surlokaj eldonaĵoj. La eblecoj estas multaj kaj variaj.

Inverse: el Afriko oni povas sendi materialojn por pli bone ekkonigi la afrikajn vivon kaj kulturon. Oni povas sendi artikolojn por publikigo ĉu Esperante en la Esperanto-gazetaro, ĉu nacilingve en aliaj gazetoj de la propra urbo aŭ lando. Oni povas prepari per tiu materialo ekspoziciojn, informajn prelegojn en lernejo aŭ popoluniversitatoj.

Sed antaŭ ĉio «ĝemeliĝo» estas vigla kaj freŝa maniero por praktiki internacian amikecon per Esperanto.

Se vi diskutos tiun eblecon en via rondo, kaj post tio kontaktos UEA-on en Rotterdam, aŭ min rekte vo eble staras ĉe la komenco de bunta sperto kies allogon vi ne konjektis antaŭe.

Kastelenstraat 321. 1082 EG Amsterdam. **H. BAKKER**

# NIAJ GRUPOJ



## BARCELONA

La 25-an de majo aperis, en la barcelona ĵurnalo «El Correo Catalán», artikolo pri la Hispana Esperanto-Muzeo, kun foto de ĝia fondinto kaj ĝisnuna direktoro, s-ro Luis María Hernández Izal.

Sammonate, danke al la eko de tiu artikolo, s-ro. L. M. H. Izal estis intervjuata de la prestiĝa prezentisto s-ro Federico Gallo, de «Radio Barcelona»; Plie, ankaŭ en «Radio Miramar», li tre dokumentite respondis (dum unu horo!) demandojn pri la Muzeo kaj diversaj aspektoj de la Esperanto-movado.

Fine, la 16-an de junio, la kataluna televido aperigis raporton pri la E-kursoj ĉe Barcelona Esperanto-Centro, gvidataj de ges-roj Charo Ortega, Mercé Claver, Ramón Carceller kaj Salvador Aragay. Ĉi tiu lasta, kune kun Giordano Moya, tre objektive paroladis en la malgranda ekrano, en kiu poste vidiĝis la gelernantoj dum elementa E-kurso kaj la junulara ĥoro kantanta la kanzonon «La Paliso» (L'Estaca) kaj parto de la Hispana Esperanto-Muzeo, kun klariga interveno de ĝia administranto L. M. H. Izal.

**Spektinto**

En **Barcelona Esperanto-Centro** okazos elementa E-kurso dum la monatoj Julio, Aŭgusto kaj Septembro, gvidata de s-ro Salvador Aragay, ĉiu merkredo kaj vendredo de la 8-a ĝis la 9-a vespere.

## ALICANTE

Dum la lernojaro okazis tri kursoj gvidataj de s-roj F. Sánchez Antón, F. Zaragoza kaj R. Canet lunde, merkrede kaj jaŭde en salono de la Ministerio pri Edukado.

Pri la aktivaĵoj de la Grupo kaj pri la valoro de Esperanto parolis tra la loka radio, tri fojojn s-ino Soledad Sabater, Prezidantino de la Grupo kaj pri la junulara agado, s-ro José Damián Canet.

Komence de Junio kaj kune kun membroj de la Grupo de Callosa de Segura, ni ekskursis al la «Sierra Mariola», tipa monto kun belaj pejzaĝoj.

**M. López Serna**

### VALLADOLID

La 7-an de Junio en la sidejo de la Grupo «**Fido kaj Espero**» estis aranĝita festeto kun la speciala celo kuraĝigi la infanojn de la Ŝtata Lernejo «José Zorrilla» kiuj finis la elementan kurson de Esperanto gvidate de s-ro Agustín Martín, Profesoro de Ĝ. B. E.

Unue, la Prezidanto de la Grupo, s-ro Martín Herrero, parolis pri la vivo de d-ro Zamenhof elstarante la malfacilaĵojn kiujn li devis venki por krei la Internacian Lingvon.

Sekve, la Prezidantino de H. E. F. parolis al la infanoj pri la utileco de Esperanto, kuraĝigante ilin daŭrigi la praktikadon de la lingvo.

Lia esperanta instruisto s-ro Martin Mateos prezentis la lernantojn, kiuj ricevis la E-emblemon.

Fine, kaj en apuda salono oni manĝis kaj trinkis en tre amikeca etoso.

La 6-an de Julio kaj en la Regiona Televid-Programo de Kastilio kaj Leono estis intervjuata pri Esperanto, la Prezidantino de H. E. F. s-ino Urueña.

---

# 69-a Universala Kongreso de Esperanto

## VANCOUVER 21-28-VII-84

### KONGRESAJ INSIGNOJ

Por reklami la 69-an Universalan Kongreson okazonta en Vankuvero, Kanado, en 1984, la LKK pretigis limigitan kvanton da oficialaj kongresaj insignopingloj. Ili estas unika kanada fabrikaĵo el arĝentizita metalo, proksimuma grandeco 22 x 17 mm., kaj montras la kongresan simbolon (indiana totemfosto) kun la vortoj «69a UK de Esperanto»; en la fono estas verdkolora kvinpinta steleto.

La pingloj jam nun estas haveblaj:

aŭ **pogrande** (min. kvanto 10) de la LKK (53 North Boundary, Vancouver, B.C. V5K 3S4) kontraŭ po $3 kan. + sendkosto;

aù **podetale** ĉe la Libroservo de K.E.A. (765 Braemar, R.R.2, Sidney, B.C. V8L 3S1).

# OAZO-AMIKARO

En siaj tri vivjaroj, la ESPERANTO-OAZO ricevis la viziton de samideanoj el Aŭstralio, Britio, Francio, Germanio (F.R.), Hispanio, Hungario, Irano, Japanio, Jugoslavio, Pollando, Portugalio kaj Usono; tamen, la nombro de gastoj ne estas ankoraŭ sufiĉe granda por vivteni la entreprenon.

Tial ekzistas nun la OAZO-AMIKARO, kies anoj povas finance apogi la ESPERANTO-OAZOn donacante jare 1.000 ptjn. (Kompreneble eblas donaci pli-kaj ankaŭ malpli-ol tiu ĉi kvanto). La subtenantoj ricevos almenaŭ dufoje jare informon pri la evoluo de la «Oazo» kaj 20% rabaton.

Do, se vi deziras helpi tiun ĉi malgrandan «Esperantion», bonvolu ĝiri vian donacon al Aquiles Sanz (Poŝtkonto n-ro 04954829) Valencia, aŭ liveri ĝin okaze de via vizito al kampadejo. Poŝtadreso: Akiles Sanz (Apartado 171), Gandía (Valencia) —Hispanio—.

# Jubilea Konkurso por la Redaktoroj de la Esperanto-Revuoj




Okaze de la proksimiĝanta 25-jariĝo (4-IV-1984) de la Esperanto-Redakcio de RADIO POLONIA, la Redakcio organizas apartan konkurson por la redaktoroj kaj kunlaborantoj de la E-revuoj, E-informiloj kaj klubaj bultenoj. Ĝi tekstas:

KONKURSO PRI ARTIKOLO
AŬ RECENZO

pri la ĝenerala agado de la Esperanto-Redakcio de Radio Polonia aŭ pri konkreta ciklo de la dissendoj aŭ pri iu laŭplaĉe elektita elsendaĵo. La konkursa ĵurio. kiun eniros ankaŭ esperantistaj ĵurnalistoj laborantaj ekster la Pola Radio, prenos en konsideron la konkursaĵojn, kiuj aperos en E-revuoj, informiloj aŭ klubaj bultenoj antaŭ la 31-a de decembro 1983. La konkursaĵojn oni sendu laŭ la adreso:

RADIO POLONIA, Esperanto-Redakcio, 00-950 VARSOVIO, poŝtkesto 46, Pollando, kun la kromnoto: «Konkurso pri artikolo aŭ recenzo», en la formo de almenaŭ unu ekzemplero de la koncerna revuo, informilo aŭ bulteno.

En la konkurso oni akceptos ankaŭ artikolojn pri la E-elsendoj de RADIO POLONIA, aperigitajn en nacilingvaj, ekstermovadaj revuoj kaj gazetoj, sub la kondicô, ke ankaŭ estos sendita al ni unu ekzemplero de la koncerna revuo aŭ gazeto, kaj atingos nin ankaŭ ĝis la 31-a de decembro 1983. (En ambaŭ kazoj decidas la dato de la poŝta stampo.)

La rezultoj de tiu ĉi speciala konkurso estos anoncitaj en ĉiuj E-elsendoj de RADIO POLONIA la 29-an de februaro 1984. Al la aŭtoroj de la plej interesaj konkursaĵoj oni atribuos valorajn objektajn premiojn, kaj inter ĉiuj oni lotumos krome sonkasetojn kun originala fragmento de parolado de Ludoviko Zamenhof, fragmento, kiu feliĉe konserviĝis.

Ni tutkore invitas niajn gekolegojn-ĵurnalistojn partopreni la «KONKURSOJN PRI ARTIKOLO AŬ RECENZO».

Ni atendas viajn publikaĵojn.

RADIO POLONIA
ESPERANTO-REDAKCIO

# MALSATO, ARMADO, PACO



Konsterne mi legis en ĵurnalo, ke ĉiutage mortas pro malsato 43.000 infanoj. Sendube al tiu nombro ankoraŭ estas aldoneblaj aliaj miloj da plenkreskuloj, kiuj mortas pro la sama motivo.

Plej grave estas, ke oni legas tiun teruran informon, kaj ĉiu homo restas trankvila kaj sin sentas senkulpa. En nia socio konstante oni parolas kaj skribas pri helpo al niaj malfavorataj fratoj, ni kuraĝas diri eĉ tion, ke ni ĉiuj estas fratoj. Ni fanfaronas pri nia progreso. Kia estas tiu progreso? Ĉu oni povas paroli pri progreso, kiam ĉiutage mortas 43.000 infanoj pro malsato? De tempo al tempo nia konscio riproĉas nian agadon, kaj ni, malavaraj kaj solidaraj homoj, organizas monkolektojn por tiuj malfeliĉaj infanoj, kaj eĉ plej strange estas personoj kiuj organizas bankedojn por helpi la mortantojn de malsato. Aliaj petas, postulas al siaj respektivaj registraroj la dediĉon de ridindaj monsumoj, por tiuj diskriminaciatoj de la homaro. Petoj, kiuj ne ĉiam estas akceptataj. Intertempe niaj kleraj regantoj dediĉas astronomiajn kvantojn de mono por neutilaj aferoj. Miloj da milionoj da pesetoj, dolaroj, frankoj... estas dediĉataj por mortigo de aliaj homoj, sed kiacele estas aĉetataj la armiloj?

La socio estas kiel familio, en kiu devas regi egaleco kaj justeco, ĉu jes aŭ ne? Se en familio konsistata el ses membroj estas tri ovoj, kiel nura tagmanĝo, logike kal familie ĉiu rajtas duonan ovon, ĉu ne? Sed en nia socio tio ne okazas. Dum iuj vivas en la plej granda luksego, aliaj mortas malsate. Dum iuj havas la povon kaj regas la mondon, por sia profito, la plej granda nombro de aliaj vivas sen la plej elementaj bezonaĵoj. La homoj fermiĝas en absurdaj naciismoj, kaj mankas al ili la vera internacia solidareco.

Ofte oni suĉas ĉiun riĉecon de tiuj suferantaj landoj. En aliaj okazoj oni pruntedonas monon en kondiĉoj hontigaj, kiuj ankoraŭ mizerigas ilin multe pli. Sed ne tute kulpas la riĉaj landoj de la maljusteco kaj malsato de iuj popoloj, kiuj vivas mizere. Kulpas ankaŭ la regantaj respondeculoj, kiuj ne hezitas enŝuldigi la landon, kondiĉe ke ili povos resti en la pinto de la povo. Ili aĉetas armilojn, dum iliaj civitanoj mortas malsate kaj ne akceptas sociajn reformojn, kiuj povus, almenaŭ iomete, mildigi la situacion. Tamen oni ne povas dividi la mondon en landoj riĉaj kaj malriĉaj, ĉar eĉ en la landoj konsiderataj riĉaj ankaŭ ekzistas malsatantoj, kaj multe pli nun pro la labora krizo. Aliflanke tie, kie la malsato estas la ĉiutaga manĝaĵo por la plej grandega parto de la loĝantaro, elito vivas en granda luksego. Do, iel temas nur pri justa disdonado de la nacia rento kaj ĝusta investo de la landa riĉeco. Iu lando povas esti pli aŭ malpli riĉa, sed kio estas neniel tolerabla estas, ke areto da sinjoroj vivas ĉirkaŭate de sennombraj kapricoj, dum la resto mortas de malsato.

Estas aliaj okazoj, en kiuj ni filozofas dirante, ke en la mondo ni ĉiuj estas fratoj. ni heroldas amon inter la homoj. Mi pensas, ke tiuj vortoj havas ironiajn sonojn en la oreloj de la malsatantoj. Sed la vivo daŭrigas sian vojon, apenaŭ senŝanĝe, kaj ni hipokrite kompatas tiujn malfeliĉajn homojn. Estas laŭlinde kompati malsanulojn, sed kompati malsatanton, kiam ni jetas la panon en la rubujon, kiam oni elspezas monon por banalaj kapricoj kaj por aĉetado de armiloj, tio ja estas la plej granda insulto al la homa digno. Ni ne estas sinceraj, nek solidaraj.

En multaj okazoj ni fermiĝas en tradicioj kaj kutimoj, kiuj nepre devus malaperi. Mi multe miras, kiam pere de almozo ni celas solvi la problemojn de malsatanto. Tio ja estas nek solvo, nek rimedo, nek justeco, sed simpla humiligo de malfeliĉa homo, kio fakte ne estas la sekvinda vojo. Estas religioj, kiuj tiom arkaiĝis, ke reformo estas urĝe bezonata. Mi legis en ĵurnalo ke en azia lando bovinoj vagas laŭkaprice, kiel ia diaĵo, kaj en tiu sama lando, unu el ĝiaj plej grandaj negocoj estas la eksportado de kadavroj aŭ skeletoj homaj. Oni ankaŭ devus konsciigi la homojn pri naskado de infanoj. Mi jam scias, ke ĉiu tiu punkto estas tre polemika, sed mi demandas al mi: kio estas pli granda krimo, naski infanojn, kiuj mortos kvar aŭ kvin jaraĝaj post suferiga vivo, aŭ eviti ilian naskiĝon? Persone mi opinias ke en la mondo estas loko kaj nutraĵoj sufiĉaj por la nuna homaro kaj por multaj aliaj da homoj. Kio mankas en la mondo estas socia justeco, interhoma kaj sincera amo.

Ĉi tiu skribaĵo nur temis pri nutraĵoj. Sed estas milionoj de malsatantoj pri kleriĝo, kulturo kaj aliaj spiritaj valoroj. En tiu aspekto la mizero kaj la malsato estas senlimaj. **Nia socio edukas nin por venki, neniam por kunlabori.** estu vi la unua!!, jen estas la slogano. Iru antaŭen, eĉ se vi devas piedpremi centojn, milojn da homoj. Nia socio diras, havigu al vi monon, pligrandigu vian bankokonton kaj vi estos la plej inteligenta. Ne rigardu malantaŭen, neniam kompatu tiujn, kiujn vi venkis. Tio ja estas la leĝo de la povo. Tio estas la fundamento de nia sociordo, kaj kun tiuj premisoj neniel, kaj neniam ni atingos justan socion. Daŭre ekzistos tiu malegaleco, kiu ĵetas la homojn al plej mizera vivo. Ne malaperos la malsato kaj miloj da homoj mortos kiel viktimoj de ni mem.

La feliĉo ne venos dum la hipokriteco regos nian modernan kaj progreseman mondon, kiu dediĉas eksterordinarajn monsumojn por terurajn armiloj, sed ĉi tio restos por venonta skribaĵo kiel dua parto de ĉi tiu trilogio.

**Luis Serrano Pérez**

# LA LEGENDO DE LA GLAVOJ

(Premio «Sancho-Rebullida» en la Internacia Literatura Konkurso de «Fundación Esperanto» en 1982-a)

Calahorra estas moderna urbo, staranta sur eta monto en la valo de l'Ebro kaj ĉirkaŭata de la impeta rivero Cidacos. Antaŭe ĝi estis unu el la plej gravaj urbo de la vaskoj, kies originoj perdiĝas en la nebulo de l'tempo, kaj ĝi havis mondan famon en la epoko de la romia subpremado.

La historio de Calahorra ligiĝas al la figuro de Sertorio, romia generalo, kiu devis lasi Romon pro sia kontraŭstaro al la diktatura reĝimo tie reganta. En Hispanio li faris sian propran politikon kaj el ĉi tie li batalis kontraŭ Sila, la diktatoro. Kaj la hispanoj, fidelaj al tiuj, kiuj luktas por libero, apogis lin vigle. Calahorra, sidejo de Sertorio en norda Hispanio, estis unu el la plej grandaj ekzemploj de fidelo kaj amo al libero kaj sendependo.

Calahorra suferis grandan sieĝon de Pompejo, malamiko de Sertorio. Eĉ kiam Sertorio mortis, ili daŭrigis la batalon...

La milito jam daŭris kelkajn jarojn. La enloĝantoj de la urbo sin pretigis por la lukto. La manko de manĝaĵoj kaj armiloj estis kompensata por la kuraĝo kaj batalemo de la urbanoj.

La atendo kaj korpremo pligrandiĝis ĉiumomente. La malbonaj antaŭdiraĵoj baldaŭ akiras la jam timatan realecon: Pompejo, apogata de granda armeo, sieĝas la urbon. Li scias, ke la defendo de la fortikaĵo ne povas esti longa nek forta...

## KAJ APERAS LA LEGENDO...

La urbo estas sieĝata. ene de la fortikaĵo la konfuzo estas grandega. Kiel oni povos defendi sin kontraŭ invadanto supera je armiloj kaj virnombro?

La maljunuloj kunsidas por adopti decidon antaŭ la graveco de la situacio. La novaĵoj estas nevariaj: la kontraŭulo ne ĉesas la atakojn. La rezistado ne daŭros tre longe.

Denove la malamiko estas forpuŝita. Kaj la noktaj ombroj kaŝas movantajn siluetojn...

«—Nur Kalono povos liberigi nin el ĉi tiu situacio!!» —ekkrias la estro de la maljunuloj.

Kaj tiamaniere Kalono prenas la komandon en la defendon de la urbo. Lia milita genio sin montras en tujaj arangôj por longa sieĝo. Kaj la rezultoj baldaŭ vidiĝas: la spirito de la defendantoj ne estas sama. Frazo ripetiĝas:

«—Kun Kalono ni atingos venkon!! Vivu Kalono!!».

La unuaj okazantaĵoj konfirmas tiujn vortojn; la atakantoj suferas grandajn perdojn.

lun tagon, la bruego de la batalo atingis nekredeblajn limojn; la militaj kantoj miksiĝis kun mortaj krioj. La malamiko komencas denove retiriĝon. En la sieĝata urbo gajeco estas nepriskribebla.

Sed ĝi ne daŭras multe: «—Kalono ĵus mortis!!»— estas la terura novaĵo, kiu iras de buŝo al buŝo. Kaj tie, sur la grundo, kovrata per sango, kuŝas senmova korpo. Elfluas larmoj de amo, doloro kaj malespero. Nun ĉio ŝanĝiĝis. La venkaj frazoj malaperis; nur senkuraĝigaj vortoj estas aŭdataj:

«—Ni estos venkataj!!» —kaj la eĥo ripetas laŭlonge de la muregoj: «—Ni estos venkataj!!».

La heroo mortis, sed li postlasis gravan heredon: la spiriton de lukto, mesaĝon de rezistado kiel nuran ŝancon por postvivi. Nun du motivoj impulsas la defendantojn daŭrigi la senesperigan batalon: ilia propra vivo kaj la venĝo de la senviva idolo. Tiuj lacegaj korpoj atingas nekoneblan forton. Ilia kuraĝo pligrandiĝas.

«—Ekbrilu la fajro en la kuirejoj de ĉiu domo! Ni devas konfuzigi la sieĝantojn!» —ordonas iu voĉo, ruze serĉante rimedon por la jam preskaŭ malaperantaj fortoj. Sed la flamoj lumigas nur malplenajn murojn kaj inter la movantaj ombroj vidiĝas senmovaj kadavroj. Ĉu la malamiko povos kredi, ke ekzistas normaleco en la fortikaĵo?

Pasas la tagoj... kaj en la nokta silento aŭdiĝas batalaj kanzonoj: la trupoj de Pompejo fidas, ke la fortikaĵo ne povos rezistis tiel longan sieĝon.

La defendantoj komencas mortlaciĝi; ili sentas, ke al ili mankas la fortoj. La tagoj pasas kaj la situacio ne povas esti pli korprema. Kiel lukti sen akvo nek manĝaĵoj? Infanoj kaj virinoj kuŝas senvivaj pro malsato kaj soifo. Hundoj trairas la stratojn kun la espero trovi ion manĝeblan inter la centoj da kadavroj. Korvoj haltas sur la muroj kaj atendas. La defendantoj falas senĉese ĉirkaŭpremante morton. Kaj ekaŭdiĝas voĉoj pri kapitulacio.

Subite, en tiu scenejo de morto kaj malespero okazas surpriza fakto: disŝirante la firmamenton aperas bela junulino, vestita per ruĝa tuniko, tenante en siaj manoj brilantan glavon, kiu lumigas la nokton per viglaj koloroj. Kiu estas tiu diino ĉirkaŭvolvata per fajro? Ŝi estas Kalina, filino de brava Kalono. La senesperaj soldatoj rigardas ŝin surprize.

«—Kapitulacii? Neniam!! —ŝi ekkrias per vibranta voĉo—. Ni luktu ĝis la fino!!».

Per nekredebla forto ŝi helpas la batalantojn, gajigante iliajn tristajn animojn. La malamiko komencas atakon.

La glavo tenata de la bela junulino eligas flamojn de fajro, kaŭzante teruregon inter la atakantoj, kiuj faris kelkajn truojn en la preskaŭ detruitaj muregoj: denove ili estas forigataj, sed tie restas teatro kun figuroj mortantaj pro malsato: iliaj manoj serĉas, sed ili trovas nur teron; iliaj lipoj sekiĝas... kaj iliaj korpoj komencas resti senmovaj. Morta silento regas la fortikaĵon.

«—Estas strange —diras unu el la atakintaj generaloj—. Kion preparas por ni la malamiko per sia daŭra silento?». «Ho! —li ekkrias—. Estas tempo por fini ĉi tiun maltrankviligan atendon kaj denove ataki!»

Estas la lasta atako! Komencas la milita marŝo. La piedoj de la soldatoj enprofundiĝas en la koto kaŭzata de la pluvo dum kelkaj sinsekvaj tagoj. La trupoj antaŭenmarŝas en grandaj grupoj al la defendata areo, kaj

atingas la muregojn. Iliaj vizaĝoj montras egan miron: Kial daŭras ankoraŭ tiu profunda silento interne de la fortikaĵo? Ĉu tio estas alia ruzaĵo de la defendantoj?

Montrante iliajn fortojn ili detruas unu el la pordoj de la murego, kies ŝtonoj falas en la foson per surdiga bruego. Granda truo en la muro de la ĉefa strato estas malfermita. Nekredebla vidaĵo sin montras antaŭ iliaj okuloj: la grundo estas kovrata per tapiŝo de senmovaj figuroj; nokto ekestigas la regnon de malhelo, kaj korpoj kaj restaĵoj de disfalitaj muregoj konfunziĝas.

Neatendite, viro kuŝanta sur la grundo moviĝas. Kelkaj soldatoj perforte prenas lin kaj malkovras lian vizaĝon: li estas maljunulo, kiu timeme rigardas ilin, dum konvulsie kaŝas ion inter siaj brakoj. Iu soldato forprenas ĝin el li abrupte: ĝi estas homa brako!

La invadantoj daŭrigas la eniradon en la nedefendatan fortikaĵon. Estas kurioze, ke ili formas rondon ĉirkaŭ la ĉefa placo. Ŝajnas, ke nekonata timo ne lasas ilin antaŭenmarŝi; iliaj vizaĝoj reflektas timegon. kiun la profundaj ombroj ne kaŝas. Ĉu tiu estas respekto al la venkintoj? Pli precise ĝi ŝajnas terurego antaŭ scenejo sorĉata de morto.

«—Antaŭen! —krias la ĉefo per forta voĉo—. Iru centren!»...

La trupoj komencas marŝi... Subite, aŭdiĝas krioj de teruro. Iliaj vizaĝoj blankiĝas. Kio okazas?

Du brakoj ekaperas el la grundo tenante glavojn, kiuj lumigas la nokton per movantaj flamoj kaj luktas inter ili. La invadantaro malantaŭmarŝas. Ĉu tio estas imagaĵo?

Ne. La glavoj frapas unu la alian kaŭzante grandegan bruon; la fajreroj forigas torentojn da lumo; la fortikaĵo tute forbruliĝas. La romiaj soldatoj ne atendas plu kaj forkuras, lasante tiun sorĉitan lokon de sango kaj morto...

* * *

Nokto mortas. La tagiĝa lumo desegnas en la malproksimo la silueton de la malnova fortikaĵo en la fono de blueca mateno. Jam ne plu aŭdiĝas la batalaj kantoj, nek la militistaj marŝoj, nek la krioj de mortontoj; nur la vento ludas pace inter la branĉoj de la abioj kaj la paseroj akompanas ĝin. En tiu sama loko vidiĝas hodiaŭ piedestalo; sur ĝi, rigardante la ĉielon, staras figuro: estas la brava Kalina! Kaj la glavo, kiun ŝi tenas, estas la eterna rememoraĵo de ŝia heroeco. Tie restas la heroino, kun sia ruĝa tuniko fiksata per zono. Oni povas rigardi la glavon: nun ĝi ne forigas fajrerojn, sed ankoraŭ brilantan lumon, kiu ne plu povos lumigi tiujn oldajn muregojn, kiuj, iom post iom, malrapide, forbruliĝis.

Tamen, la legendo ankoraŭ revivas. Kalina estas tie, senmova, ŝtona, sed se oni rigardas atente la glavon, oni rimarkos ankoraŭ strangan brilon; tiu sama brilo kiu, antaŭ centoj da jaroj, surprizis kaj timigis la invadantojn kaj forkurigis ilin. Libero kaj sendependo estis pli fortaj ol amo al la vivo...

Moderna poemo, de la vaska verkisto Olóriz, rememorigas nin pri tiu malnova legendo:

«Romanoj, surgrimpu la murojn,
venu, la sangojn piedpremu,
ĉar neniu ĝin humiligis
kiam ĝi brulis en la venoj;
venu, ĉar Calahorra
nun kuŝas sub la muregoj,
ne per armiloj venkita
sed per malsat'kaj sufero.»

**Ana María Ranero**
(Salamanca, Hispanujo.)

# U. E. A. OFICEJO ĈE U. N. BEZONAS NIAN HELPON

**Humphrey Tonkin**
(Estrarano de U. E. A. pri eksteraj rilatoj)

Okaze de la lasta Universala Kongreso, en Antverpeno, oni multe diskutis pri la rilato inter Esperanto kaj Unuiĝintaj Nacioj. Dum la sesioj de la Komitato pri eksteraj rilatoj kaj pri Unuiĝintaj Nacioj, Unesko kaj la Monda Komunika Jaro, oni amplekse raportis pri la burĝonanta agado favore al Esperanto ĉe UN kaj ties organizaĵoj. Neniam antaŭe la Internacia Lingvo ĉiutage tiom konstateblis en la kerno mem de la tutmonda politiko-farado - ĉe Unuiĝintaj Nacioj.

Ĉiusemajne, stabanoj el la Novjorka Laborgrupo ĉeestas oficialajn inform-sesiojn de UN kaj sugestas kiamaniere Esperanto povas plibonigi la komunikadon inter la diversaj internaciaj organizaĵoj. Cetere, tiuj inform-sesioj sciigas UEA pri venontaj okazoj utiligi kaj disvastigi Esperanton. La Novjorka Oficejo ankaŭ provizas ampleksan gamon de informoj pri Esperanto-gazetoj, esplorado, kunvenoj kaj kursoj.

Dank' al S-ro Tibor Sekelj kaj al membroj de la Novjorka Laborgrupo, oni establis gravajn kontaktojn inter la UEA-oficejo kaj la diversaj UN-misioj, neregistaraj organizaĵoj kaj la oficejo de la Ĝenerala Sekretario. Antaŭ nelonge, UEA-delegacio prezentis petskribon por monda paco nome de Kvakera Esperanto-Societo al la Ĝenerala Vic-Sekretario pri Malarmado, Tiaj aktivecoj plifirmigas la konsciiĝon pri Esperanto ĉe Unuiĝintaj Nacioj kaj vekas la atenton al la disvastiĝo de Esperanto tra la mondo.

Por daŭrigi la strebojn jam entreprenitajn de UEA ĉe UN, la Novjorka Oficeko bezonas la moralan kaj financan subtenadon de interesitaj esperantistoj, kiuj opinias, ke Esperanto devas esti videbla ĉe Unuiĝintaj Nacioj. Preskaŭ 400 esperantistoj el 16 landoj malavare kontribuis al la funkciado de la Novjorka Oficejo. Tamen, nia laboro nur ekis, plia helpo estas bezonata por funkcii maksimume. Tiel, mi skribas al vi petante vian kontribuon al la Novjorka Oficejo de UEA. **Patronoj** faras donacojn de 100 dolaroj aŭ pli; **Subtenantoj** donacas inter 25 $ kaj 99 $; kaj **Amikoj** kontribuas inter 10 $ kaj 24 $. Ciuj donacintoj ricevas nian periodan Novaĵleteron, kiun informas pri la progreso plenumata. Subtenantoj kaj Patronoj krome ricevas la bultenon UN KAJ NI. Patronoj kaj membroj de la Klubo 777 estas ankaŭ agnoskitaj en la jara raporto de UEA/Novjorko.

# Notas de interés para todos los federados

## MODIFICACIONES AL DIRECTORIO

| | | |
|---|---|---|
| **ALTAS** | | |
| LAUDIO (Alava) | 2.680. | Miranda Jiménez, Pedro M.; P. O. Box, 64 |
| BERLANGA (Badajoz) | 2.690. | Marchirant, Antonio; Vera, 38. |
| MATARO (Barcelona) | 2.694. | Illana Arcas, Ramón; S. Juan, 47. |
| | 2.696. | Reina Domínguez, Cristóbal; Marathon, 5, 2º D. |
| CORDOBA | 2.683. | Parkinson, Ben; Pasaje Lepanto, 64, 3º B. |
| TORRENTE DE CINCA (Huesca) | 2.681. | Torres Selva, José; Camino Fraga, 13. |
| LAS PALMAS | 2.682. | Jiménez Suárez, Antonio; Jinamar III B, 1, 11. |
| MADRID | 2.691. | Pérez Puente, Rufino; Pza. Verín, 8, 8º I, d.p. 29. |
| | 2.693. | González, Rafael; Gr. Romero Bassart, 89, d.p. 24. |
| CARTAGENA (Murcia) | 2.689. | E. Grupo «Karthago-Nova»: Juan Fernández, 13. |
| ARCADE (Pontevedra) | 2.685. | Lourenzo Vidal, Xosé; José Solla, 105. |
| TORRELAVEGA (Cantabria) | 2.697. | Cortina Alberti, José María; Correos. |
| SEVILLA | 2.695. | Franco Ramírez, Alberto; Sol, 83-85. |
| EJEA DE LOS CABALLEROS (Zaragoza) | 2.684. | Lambán Lasobras, Mº Begoña; Diputación, 1, 3º |
| **BAJAS** | | |
| MOIA (Barcelona) | 359. | Molera, Ramón. |
| CEUTA | 1.908. | Harillo, José. |
| **CAMBIOS DE DOMICILIO** | | |
| BARCELONA | 2.069. | Gil Figuer, Pascual; Pº Fabra i Puig, 128, 1º 2-a, d.p. 16. |
| GERONA | 2.582. | Aguado Jerez, Martín, Padre Coll, 15, 2º 2-a. |
| MONZON (Huesca) | 2.579. | Torres Durán, Juan; Pº S. Juan Bosco, 45, 1º C. |
| VALENCIA | 2.150. | Diago Marco, Ramón; Turia, 18 1-a, d.p. 8. |
| | 2.673. | Romero Aguirre, Marisol; Turia, 18 1-a, d.p. 8. |
| ZARAGOZA | 2.317. | Izuel Pradal, José María; López Pueyo, 2, 2º C. |
| **EXTRANJEROS** | | |
| MIAMI (U.S.A.) | 2.692. | Sequeira Vega, Gilberto; P.O. Box, 013555. |

**Socios Protectores 1983**
(Continuación)

| | | |
|---|---|---|
| 43. | Eduardo Larrouy | (44) |
| 44. | Rafael Herrero | (108) |
| 45. | Carmen Herrero | (1.218) |
| 46. | Pilar García | (498) |
| 47. | Pedro Antequera | (2.491) |
| 48. | José Balbe | (1.001) |
| 49. | Matilde Pimentel | (2.531) |
| 50. | Moisés Junyer | (2.535) |
| 51. | Enrique Meseguer | (2.627) |
| 52. | Pedro Mª Miranda | (2.680) |
| 53. | Juan Martínez | (1.433) |
| 54. | Margarita Abajo | (2.674) |
| 55. | Julián Perdiguero | (2.675) |
| 56. | Gilberto Sequeira | (2.692) |
| 57. | José Bringas | (1.932) |
| 58. | José María Izuel | (2.317) |
| 59. | Lucía Vázquez, Vda. de Piquero | (1.863) |

**Donativos para la Federación**

| | |
|---|---|
| Suma anterior ......... | 9.100 pts. |
| Juan García ............. | 250 pts. |
| Fabriciano Bermejo ...... | 50 pts. |
| Francisco Hernández ..... | 150 pts. |
| Antonia Galbany ......... | 400 pts. |
| Antonio Ferrer ........... | 101 pts. |
| Gilberto Sequeira ............ | 174 pts. |
| E-Grupo «Karthago Nova» . | 250 pts. |
| Suma y sigue .......... | 10.475 pts. |

**MUY IMPORTANTE**

Se comunica a todos cuantos no han hecho efectivo el importe de la cuota correspondiente al presente año 1983 (750, Abonado y 1.000, Protector), que el próximo número de BOLETIN les será enviado contra REEMBOLSO.

# HISPANA LIRIKO



Dámaso Alonso (naskiĝis en Madrido, 1898) havas elstaran lokon en la hispana poezio ĉiutempa. Profesoro de hispanaj lingvo kaj literaturo ĉe diversaj universitatoj de Eŭropo kaj Ameriko, membro de la Hispana Akademio, Dámaso Alonso rivelas en sia poezio de la unua epoko intiman lirikismon, kaj en sia dua periodo subtilan aŭdacon kaj angoran ekzistencialismon.

**PREĜO POR LA BELO DE KNABINO**

Al ŝi Vi donis l' ardon simetrian
de l' lipo-par' per braĝoj glor-profundaj;
al du enormaj fontoj nigr-abundaj
(abismoj de senfin') tag-helon Vian;

ĉi neĝan bulo-duon sugestian
tremetan sub la striktaj toloj buntaj.
Kaj (ĝustaj mir-konstruoj sens-inundaj)
vin du kolonoj kantas harmonian.

Vi ŝin ormanis per ingveno glata,
kiu en dolĉa kurbo disdescendas,
miel' sekreta en obskur' or-tona!

Nu, kial dubas Via vol' kompata?
Eternon la mortema bel' pretendas.
Rifuzo Via iĝu cedo dona.

**Dámaso Alonso**

Tradukis: F. de Diego.

# RECENZOJ, RECENZOJ, RECENZOJ

**VIVEROJ**, de Alfonso Rodríguez CASTELAO (1886-1950). Elgalegigis F. de Diego. 14 x 21 cms., 44 paĝoj. Prezo: 125 p-toj. Mendebla ĉe Libro-Servo de H.E.F.

La broŝuro VIVEROJ, kiun eldonis «Esperanto-Kurso de la Instituto por Lingvoj ĉe la Filologia Fakultato de la Universitato de Santiago de Compostela», estas originale verkita en la galega lingvo, de la fama galega politikisto, literaturisto kaj desegnisto Alfonso Rodríguez Castelao, kaj esperantigita de Fernando de Diego. Ĝi konsistas el «Prezento», «Enkonduko» kaj kvin rakontoj, kaj estas eldonita omaĝe al la belsona kaj miljara lingvo de Galegujo —kiun adoptis la unuaj hispanaj poetoj, antaŭ ol uzi beletre la kastilian—, kaj al la multfaceta elstara viro kiu estis Castelao: brava defendanto ĉie, en sia patrolando, tra la tuta Hispanujo kaj dum siaj longaj jaroj je amara ekziliĝo,de sia gepatra lingvo.

La rakontoj kiujn ni povas ĝue gustumi legante la libreton «Viveroj» (Retrincos), estas belaj kliŝoj pri travivaĵoj kaj spertoj de la aŭtoro, trafe spicitaj kaj ornamitaj per fantazio kaj esprimfreŝeco bunta, laŭ simpla sed preciza, trafa, stilo.

Fernando de Diego tradukis tiun kolekton laŭ sia plej karakteriza maniero enprofundiĝi en la sencon de ĉiu detalo kaj esprimo specifantaj kiel pecoj gravaj el la tutaĵo, kvankam ili povas esti malbone, aŭ nur supraĵe, priatentitaj. Li, do, uzas la tradukajn rimedojn laŭ «natura» majstreco: «ĝiskreve (paĝ. 18); pied-pinte (paĝ. 19); irmaniero kokso-lula (paĝ. 35)», ktp.

En sia «Don Quijote» la tradukinto jam establis sian bazan koncepton, kaj firman preferon, pri la uzado de neologismoj. Do, ne strange, li daŭre persistas en la sama direkto antaŭa, kvazaŭ nepriatentante la nuntempecon, la klasikecon aŭ la stilon popolecan de la tekstoj. Pri tio mi nur volas diri, laŭ mia persona vidpunkto, ke pli bone povas praviĝi «ĉendi»=ekbruligi, ol «vanui»=malaperi.

«Notoj», «Glosoj» kaj «Prononco», estas kiel apendica libroparto kiu helpas nin elkompreni la belan, valoran kaj estimindan broŝuron.

**G. Mora i Arana**

# F-ino Joŝiko Kaŝino en Sabadell

Laŭ lastatempa nekrologa informo, post kruela malsano mortis, en Tokio, eminenta esperantistino, la tutmonde konata ĵurnalistino japana, s-ino Joŝiko Kaŝino-Schmid. Tiu funebra sciigo memorigas al ni la bonegan propagandon por Esperanto, disvastigitan tra ŝiaj prelegvojaĝoj.

Ĉar proprasperte ni konstatis ŝiajn homan valoron kaj Zamenhofan esperantistecon, ni ne povas rezigni fari skizan mencion pri sia fruktodona rolado en la urbo Sabadell.

Ŝi nin vizitis en período, kiam la turismo internacia apenaŭ ekzistis, en la jaro 1959-a, okaze de la centjara datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, feliĉe koincidinta kun identa de la loka ŝparkasa institucio «Caja de Ahorros de Sabadell», tiam prezentanta tiumotive diversajn kulturajn prelegojn, inter kiuj honore rangis ankaŭ tiu de nia samideanino, f-ino Kaŝino, tiam ankoraŭ ne edziniĝinta.

Ŝia prelego pri la vivo kaj kutimoj en Japanujo, majstre tradukita de nia karmemora UEA-delegito, s-ro Jaume Viladoms Valls, fariĝis ĉiurilate tre eksterordinara sukceso, kies eko plurajn tagojn persistis en ĉies memoro, kaj kies efika rezulto, favora al Esperanto, ankoraŭ nun estas palpebla en la urbo.

Danke al ŝia vizito pliviglîĝis la loka movado, kaj eĉ organiziĝis speciala dimanĉvespera Esperanto-kurso, kun malsamdevena lernantaro, ŝerce nomata kurso por «caps pelats» (= senharaj kapoj), ĉar ĝin konsistigis plejgrandparte maturaĝaj homoj, kiuj rekte stimulite de f-ino Kaŝino, entuziasme deziris lerni la Internacian Lingvon, sed ne havis la eblecon ĉeesti la labortagajn kursojn, aranĝitajn de la loka klubo.

La subskribinto povas atesti, kiel gvidinto de tiu dimanĉa kurso, ke danke al ŝia varbokapablo multaj gelernantoj akurate ĉeestis liajn kursojn, kaj eĉ pli grave, ke ankaŭ pluraj el ili sukcesis lerni la Zamenhofan Lingvon. Krome, estas kurioze mencii, ke el tiu sama kurso, ESPERANTO fariĝis EDZPERANTO: Post interkorespondado pere de ĝi, nuna kastildevena kunredaktoro de «Boletín» edziĝis al diligenta lernantino loka.

S-ino Kaŝino-Schmid, tiu estis ŝia nomo post la edziniĝo, lasis promesplenajn neforgeseblajn spurojn ĉe ni. Kun danko ni tenos ŝian nomon en nia memoro por ĉiam. Al ŝia edzo, la germana samideano Schmid, kaj al cetera familio, nian kondolencon plej sinceran.

VELUS

# DEZIRAS KORESPONDI

Koreaj geesperantistoj kun eksterlandaj samideanoj. Skribu vian nomon, adreson, sekson, aĝon, profesion kaj aliajn al **Koresponda Servo de KEA,** C.P. O. Kesto 4.258, **Seulo 100,** Koreujo.

Pri ĉiu temo, speciale pri lingvistiko, 31-jaraĝa instruisto en gimnazio, s-ro Fariborz Kuchekizad; No 2, Juya Alley, Falahati Alley, Saadi Ave., **Rasht,** Irano.

Kun hispanaj esperantistoj pri diversaj temoj, pola instruisto en mezlernejo, s-ro Wlodzimievz Koperyski; ul. Kuiatouw Polskiet, 3; **94-238 LODZ,** Pollando.

Por interŝanĝo de b.k. kaj p.m., geograf-mapoj, kaj libroj pri geografio 27 jaraĝa samideano, s-ro Jaroslav Palan; Gottwaldova, 247; **394 68 ZIROV-NICE** (Ĉehoslovakio).

Ni petas al ĉiuj kiuj deziras aperigi korespond-peton en «BOLETIN» ke ili **skribu tre klare kaj prefere tajpe.** Sendu vian peton rekte al la nova adreso de Hispana Esperanto-Federacio: Apartado 119, VALLADOLID (Hispanio).

# NUEVO METODO DE ESPERANTO

Denove, elĉerpita la unua stoko de la hispanlingva lernolibro de la Akademiano F. de Diego, Libroservo de H.E.F. informas al siaj klientoj kaj amikoj, ke denove havas kvanton de tiu interesa lernolibro, kiun la alia hispana akademano D-ro Régulo Pérez konsideras **«la plej bonan hispanan lernilon».**

Sendu viajn mendojn al la adreso de: Libroservo de H.E.F., Apartado 119, VALLADOLID.

Specialaj kondiĉoj por Grupoj, kaj E-instruistoj, mendante minimume 10 ekzemplerojn.

Oni sendas senpagan katalogon de Libroj kaj esperantaĵoj, al ĉiuj kiuj petos ĝin.

# Nova glumarko ĵus eldonita DE H.E.F.




Por alglui al viaj korespondaĵoj, Hispana E-Federacio ĵus eldonis modernan dukoloran memgluebla markon. La prezo po dek ekzempleroj, minimuma kvanto, estas 80 p-toj. Ni atendas viajn mendojn.

# Alvoko al ĉiuj delegitoj, membroj kaj simpatiantoj de Universala Esperanto-Asocio

Barcelona Esperanto-Centro okaze de speciala kunveno decidis starigi «Internacian Literaturan Konkurson» sub la nomo de nia eminenta esperantisto membro de nia Centro kaj ĉefdelegito de U.E.A. dum multaj jaroj, s-ro Ramón Molera, forpasinta la 28-an de januaro.

Celo: Omaĝi al nia eminenta samideano kaj festi la 75-an datrevenon de U.E.A.

## INTERNACIA LITERATURA KONKURSO «RAMON MOLERA»

### REGULARO

1. Ununura temo: rakonto en kiu rolu la **Delegita Reto** aŭ **EUA-Delegito**; la temo povas esti anekdoto, fantaziaĵo, spritaĵo, k. c.
2. La verko povas esti proza aŭ versa; ĝi ampleksu maksimume 1.500 vortojn.
3. Oni sendu 4 ekzemplerojn de la kontribuaĵo, tajpitajn je duobla interspaco.
4. Por ke la nomo de la aŭtoro restu nekonata, krom la titolo oni aldonu specifan pseŭdonimon, kaj en aparta fermita koverto, oni kunsendu, la nomon kaj adreson kune kun la titolo kaj uzita pseŭdonimo.
5. La ĵurio aljuĝos tri premiojn kaj laŭ sia decido ankaŭ honorajn subpremiojn kaj menciojn. Ĉiu gajninto ricevos: diplomon kaj 5 ekzemplerojn de la publikigota verko.
6. Ĉiuj konkursantoj ricevos senpage ekzempleron de libro enhavanta la premiitajn verkojn kaj meritplenajn konkursaĵojn. Oni rajtas prezenti nur unu verkaĵon, kaj ne rajtas konkuri pere de verkoj jam premiitaj aŭ publikigitaj.
7. Ĉiuj konkursontoj povus ĉerpi informojn el «Jarlibro 1982», paĝoj 77-a ĝis 80-a.
8. Limdato ĝis la 31-a de oktobro de 1983-a.
9. Oni aljuĝos la premiojn okaze de speciala FESTO aranĝota la 4-an de decembro en la sidejo de Barcelona Esperanto-Centro.